AŬSTRIA

# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala organo de la aŭstria Esperanto-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas monate*
*Redakcio kaj administracio: Vieno I., Neutorgasse 9, Aŭstrio. — Telefono U 20-3-51*

*NRO 7-9*
*2-a JARO*
*JULIO-SEPTEMBRO 1947*

## EL LA ENHAVO:



## LASTA INFORMO:

La aŭstria Esperanto-kongreso en Kufstein estas prokrastita kaŭze de la malpermeso de ĉiuj kunvenoj pro la poliomielito (spina infana paralizo). — Raportoj pri la internaciaj kongresoj en Bern kaj Aarhus aperos en la venonta numero.

*AUSTRIA ESPERANTO-REVUO oficiala organo de Austria Esperantista Federacio kaj de Austria Esperanto-Instituto*

Adreso: Wien I., Neutorgasse 9, Austrio

Abonprezo: Jarabono aŭstr. ŝil. 10.— aŭ 1 dolaro aŭ egalvaloro.
Por membroj de AEF senpage.

# Korespondado

Kiu volas korespondi kun en- aŭ eksterlandaj esperantistoj, sendu sian korespondpeton al la redakcio de A.E.R. Ni publikigos ĝin laŭ la disponebla loko.

Unua korespondanonceto dulinia por AEF-anoj senpage. Plua anonceto kaj por aliaj personoj kostas ŝil. 2.—, por eksterlandanoj 4 int. respondkuponojn. Ni petas, la adresojn nepre skribi bone legeble!
Mallongigoj: L = letero; PK = poŝtkarto; PM = poŝtmarko.

**Aŭstrio.** — S-ro Löffler Karl, Wien 14., Jenullgasse 18—24, 8/1/7, deziras tutmondan korespondadon pri ĉiuj temoj.
S-ro Johann Payer, Wolfsberg, Lavanttal, Kärnten, kor. per PK il. kaj interŝ. PM kun ĉ. 1.
S-ro Siegfried Tollinger, Klagenfurt, Kardinalplatz 8/II, Kärnten, kor. per PK il. kaj interŝ. PM kun ĉ. 1.
S-ino Rosa Zimmermann, Spital a. Pyhrn, Oberösterreich, interŝ. PK il. kaj let. kun ĉ. landoj.

**Hungarujo.** — S-ro Balantino Nagy, Budapest VIII., Festetich-u. 7. I, 17. — 21-jara policoficiro, interŝ. PK il. kun aŭstr. ges-anoj.

**Pollando.** — S-ro Danovsky Wacl., Varsovio, Chmielna 28, tajloro porvirina, ŝanĝas aŭ aĉetas modoĵurnalojn, kor. kun samprof. pri modoj.

**Svedujo.** — S-ro John Skulf, Raggatan 10/II, Stockholm, kor. kaj interŝ. PK il., let., gazetojn, PM ktp.
S-ro Per Petersson, Mälajord, Rottne, dez. koresp. kun aŭstria Esperantistino.

AŬSTRIA
# ESPERANTO-REVUO

2-a jaro JULIO / SEPTEMBRO 1947 n-ro 7—9

*ALFRED BERDAN, Vieno:*

## 60 jarojn Esperanto

Pasis jam 60 jaroj, de kiam Esperanto aperis (14. 7. 1887) sur la scenejo de la mondokazado. Ĝi tiam estis ĝoje akceptita de tiuj, kiuj plene agnoskis la altan ideon de lingvo internacia, kaj primokita de aliaj, kiuj absolute neis, ke per lingvo artefarita povus ĉiurilate interkompreniĝi homoj kaj gentoj diversnaciaj.

Laŭ la volo de ĝia elpensinto Dr. L. L. Zamenhof, Esperanto estu verko por akceli la p a c o n inter ĉiuj popoloj kaj nacioj en la mondo. Ĉi tiu alta ideo naskiĝis el la ekkono, ke konsiderinda parto de la miskomprenoj kaj la el ili rezultantaj malpaciĝoj inter la nacioj venas de tio, ĉar mankas al la homaro k o m u n a lingvo por povi reciproke r e k t e k o m p r e n i unu la alian. Ni sperte ja scias, ke la lingvo de la diplomatoj kaj ŝtatistoj n e ĉiam akordiĝas kun la pensado kaj volo de la respektivaj popoloj.

Sed, ĉu la ideo intime ligita kun la lingvo Esperanto fakte efektiviĝis, ĉu la lingvo mem jam venkis, ĉu ni disĉiploj de la grandioza Zamenhofa ideo vere havas kaŭzon por solene festi la 60 jaran jubileon de Esperanto?

Jes, malgraŭ ĉiuj ŝajnaj kontraŭdiroj en la evoluo de la Esperantomovado, malgraŭ tio, ke Esperanto ankoraŭ ne estas oficiale agnoskita de la mondo kiel lingvo internacia, malgraŭ tio, ke la anaro de la Esperanta ideo laŭ mondskala mezuro ankoraŭ estas relative malgranda, ni Esperantistoj, torĉoportantoj de grandioza kulturideo, tamen rajtas festi la jubileon sciante, ke en ne tro fora tempo E s p e r a n t o v e n k o s spite al ĉiuj malfacilaĵoj kaj malfavoraj cirkonstancoj nuntempaj.

La disvolviĝo konstanta de Esperanto estis aprupte interrompita per la eksplodo de la unua mondmilito en 1914. Post ĉi tiu katastrofo la movado relative baldaŭ regajnis la terenon perditan kaj la sinsekvaj Esperanto-mondkongresoj respegulis la novan prosperon de la afero Esperanto. Jam okazis kelkaj gravaj internaciaj konferencoj

pritraktantaj la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, en kiuj ankaŭ partoprenis eĉ oficialaj reprezentantoj de registaroj. Esperanto tiam eniĝis ĉiam pli kaj pli kiel lingvo internacia en la servon de la turismo, internaciaj laboristaj sindikatoj kaj aliaj internaciaj institucioj ekinteresiĝis pri la praktikeco de la lingvo, la Esperantoliteraturo konsiderinde kreskis kaj en Esperantujo regis bona espero pro la relative baldaŭa oficiala agnosko de la lingvo.

Jen venkis en 1933 la nacisocialismo en Germanujo kaj tuj detruis la grandan germanan Esperantomovadon, ĉar la militemaj naciistoj ne povis toleri pacemán organizon. Kelkajn jarojn poste fakte sekvis la dua mondmilito, la plej terura kaj plej sanga en la historio de la homaro. Kaj pro la venko de la faŝismo en multaj landoj la Esperantomovado ekstermiĝis en ĉiuj de la militintoj okupitaj landoj, dum ĝi en la ceteraj landoj nur vegetadis pro manko de internaciaj rilatoj.

Tamen, ankaŭ ĉi tiu malfeliĉa periodo forpasis kaj la principo de la l i b e r e c o fine supervenkis la principon de la popola sklavigado per la sistemo faŝista. Sed bedaŭrinde ankoraŭ n e e s t a s p a c o en la mondo, kvankam ni vivas jam pli ol du jarojn post la militfino. Tro grandaj estas la diferencoj inter la diversaj nacioj, tro profunda ankoraŭ vivas la malamo en multegaj koroj de la militintaj kaj suferintaj nacioj. Tiel teruraj estas la sekvoj de la lasta katastrofo en la homa kaj nacia kunvivado.

Sed vidu, dum politikistoj diskutadis pri la kulpo je la milito, dum diplomatoj kaj ŝtatistoj pritraktadis kaj ankoraŭ senfine pritraktadas ŝtatkontraktojn kaj aliajn politikajn kaj ekonomiajn aferojn, la geesperantistoj ĉiulande ne longe diskutadis, sed ili tuj ekkomencis rekonstrui la detruitan Esperanto-movadon. Kaj la rezultato? Ĝi estas vere miriga: kiel fenikso el la cindro, tiel ĉie en la mondo leviĝis la Esperantomovado el la letargio kaj eĉ tie, kie ĝi ŝajnis esti tute ekstermita, kiel ekzemple en Germanujo, nova Esperanta vivo ekfloras el la ruinoj!

Ĉu tio ne estas evidenta signo, ke Esperanto nepre estas v i v k a p a b l a, ne plu ekstermebla kaj absolute bezona por la kunvivado inter la diversaj popoloj? La mondo preskaŭ ĉiutage sentas la bezonon de lingvo internacia per la kreado de diversaj interpopolaj institucioj kaj eĉ en UNO oni jam diskutis la problemon de komuna intertraktlingvo sen povi provizore solvi la problemon.

Paneŭropo (tuteŭropo), ĉi tiu grandioza ideo pri la kreado de unueca eŭropa mastrumado per la ekonomia kaj politika kunlaborado de ĉ i u j nacioj loĝantaj sur tiu kontinento, kondiĉus por ĝia praktika realigo la enkondukon de unueca lingvo. La mondparlamento, la mondregistaro, pri kiuj parolas aliaj paccelaj projektoj, n u r estas penseblaj per samtempa oficiala akcepto de lingvo internacia.

Sed neniam tia komuna lingvo povos esti unu el la grandaj naciaj lingvoj. Nur sufiĉe elprovita artefarita kaj tial neŭtrala lingvo havos la ŝancon esti agnoskita kiel lingvo universala malgraŭ ĉiuj diversaj kontraŭstaroj, ĉar la interplektita internacia vivo ĝin kategorie postuladas.

Tamen la Esperantistaro en tutmondo mem devas krei la antaŭkondiĉojn per la finvenko de la lingvo internacia per laborado komuna en la propraj vicoj sendiference kian politikan percepton krome ili havas. Ni Esperantistoj devas doni al la mondo la modelon de demokrata kunlaborado por nia alta kultura ideo, celanta la pacan kunvivadon inter la diversaj nacioj per rekta lingva interkompreniĝado. Kaj ni estu konsciaj demokratoj laŭ la eldiro de la jugoslava s-ano d-ro Ivo Lapena (Intern. Kulturo 6—7/47) ke: „. . . nur en demokrata medio povas kreski tia planto kia estas la internacia lingvo. Aliflanke ĝia kreskado kaj fortikiĝado grave helpas la cementigon de demokrateco en internacia kadro."

60 jaroj en la evoluo de lingvo estas nur eta tempospaco, se oni konsideras la inertecon ĝeneralan de la homoj kontraŭ ĉiu nova kultura ideo. Teknikajn inventojn ekzemple oni pleje tuj povas uzi, sed lingvon, eĉ artefaritan, oni unue devas lerni dum certa tempo. Tial la tekniko tiom antaŭrapidas ĉiujn aliajn homajn evoluojn. Sed, ke Esperanto dum tiu daŭro povis enpenetri en ĉiujn kampojn de la moderna vivo, pruvas ĝian universalan uzeblecon.

Tial ni festu la jubileon de Esperanto plenkonscie, ke la lingvo devas venki kaj ni memoru ankaŭ ĝian genian kreinton, nian majstron d-ro Zamenhof. Sed lia verko, pro kiu li oferis sian tutan personecon, sian tutan vivon, pro kiu en idea entuziasmo prenis sur sin miloj kaj miloj da konataj kaj nekonataj pioniroj mokadon kaj materiajn oferojn, ĝi kuŝas plue en niaj manoj kiel sankta testamento.

Eklevu ni tial la verdajn standardojn en la jubilea jaro kaj ni konsciiĝu memore al la naskiĝo de Esperanto, ke la finvenko de la lingvo nur povas esti la verko de komuna kunlaboro en la naciaj kaj internaciaj Esperantomovadoj!



**Aforismoj**

Vereco kaj justeco ankaŭ al kontraŭulo, tio estas la unua devo de la viro.

Lasalle.

# Francujo kaj Austrio

Pri la amikeco de du kulturoj.

Ankaŭ por ni Esperantistoj estas interesa la parolado — ĉar ĝi tuŝas niajn idealojn — okaze de la fonda festo de la Franca-Aŭstria Societo kaj meritas esti registrata. La ĉefa komandestro de la francaj soldatoj en Aŭstrio, generalo Béthouart diris en sia parolo, kiun ni citas laŭ la ofica „Wiener Zeitung" de la 17a de Julio 1946, jenon:

La historio estas glavo dutranĉa, kaj ke en Via ĉefurbo la multnombraj memoraĵoj je la estinteco rememorigas refoje kaj refoje al la bataloj kaj militoj, kiuj malakcelis niajn rilatojn, aliaflanke ankaŭ la historiaj faktoj al ni montras, kiom ege Francujo kaj Aŭstrio estas la naturaj gardantoj de la sama idealo. En la jaro 1866a Bismarck unue atakis Aŭstrion, antaŭ ol li atakis Francujon, kaj 1938 Hitler atakis Aŭstrion, antaŭ ol li atakis Francujon, Eŭropon kaj la mondon. Kaj fakte estis Aŭstrio kaj Francujo la malhelpoj venkotaj unue por ebligi al Germanujo komence prusa, poste pangermana, poste naciista, la plenumon de siaj planoj, kiuj kaŭzis en niaj landoj funebron kaj ruinojn same kiel en la tuta Europo. La hodiaŭa Wien estis unu de liaj ĉefviktimoj. La devizo nun estas: ree elkonstrui. Sed estas necese, ke ekkomencu la rekonstruado je la spirita kampo. Tiuj nacioj, kiuj sekve de ilia etnografia kaj geografia pozicio kaj la grado de ilia kulturo plej bone komprenas siajn najbarojn, havas la devon, pro ilia historia misio antaŭiri en la spirita kaj kultura alproksimiĝo, sen kiu vera paco neniel povas ekesti. La Franca kun sia kulturo latina, vere eŭropa kaj kontinenta, sed ĉiam akceptema por kulturoj transoceanaj, kredas, ke ĝi estas inter tiuj. Sed Wien je la tranĉpunkto de la nacioj germanaj, slavaj kaj latinaj kaj de la civilizacioj de ili, Wien, estinte dum generacioj ĉefa urbo de la kulturo, kien venadis tiom da popoloj eŭropaj, por vidi la lumon kaj la fontojn de la spirito, ĉu Wien kaj Aŭstrio ne ankaŭ estas inter ili? Ni eksentis por niaj kostoj la vantecon kaj la kruelecon de la sento almilitema. Sed ni ankaŭ estas lernintaj, ke nek homoj nek nacioj kapablas vivi izolite, kaj tiel la fondo kaj la evoluo de la Asocio Franche-Autriche dankemege estu aklamata. La rolo, kiun Francujo kaj Aŭstrio atendas de tiu-ĉi societo konsistu el tio, ke oni alproksimigu kaj unuigu la du lumegilojn de la kulturo, de la civilizacio kaj de la paco, kiujn reprezentas niaj ambaŭ landoj kaj niaj ambaŭ ĉefurboj. En la mondo moderna hodiaŭa, kiam bedaŭrinde la militoj estas tutecaj kaj universalaj, devas esti ankaŭ la paco tuteca kaj universala. La paco inter Francujo kaj Aŭstrio povas esti nur unu el la elementoj de tia paco, sen kiu nenia kulturo kaj nenia civilizacio ekzistas. Tiel estadu tiu-ĉi

societo la modelo kaj la ekzemplo por multaj aliaj kaj mi deziras, ke ĉiuj nacioj same kiel Francujo kaj Aŭstrio entreprenu k r u c a n m i l i t o n  p r o  l a  p a c o, por ke ĉiuj homoj anstataŭ detruado volu lerni kompreni unu la alian, interkonatiĝi, ŝati kaj helpi sin reciproke.

*EMIL VOKAL, Vieno:*

# Kiel delegito ce la 17-a Hungara Esperanto-Kongreso

Mi havis la honoron povi partopreni kiel delegito de Aŭstria Esperantista Federacio la ĉi-jaran Hungarlandan Esperantokongreson en Pecs. Estas vere ege malfacila afero voli nuntempe vojaĝi eksterlanden kaj mi bezonis preskaŭ 100 horojn entute ĝis kiam mi ricevis ĉiujn dokumentojn por la elvojaĝpermeso.

22. 5. 1947 alveno en Budapesto. La animo funebras, Buda elbrulinta, la pontoj de Budapest detruitaj, ruinoj, elbombitaj stratoj — Vieno kaj Budapesto, reĝinoj de la Danubo, kie estas viaj iamaj ĉarmoj kaj belecoj? Akceptis min kaj mian edzinon s-ano Halka, kiu poste konatigis nin kun s-ano Bleier kaj lia familio. Ĉie ni estis amike akceptataj.

La 23. 5. 1947 vespere mi faris entuziasme aklamitan paroladon pri la aŭstria E-movado en la E-sekcio de la tramista sindikato kaj la Budapestaj tramistoj transdonis al mi kamaradajn salutojn al siaj Vienaj fakkolegoj. Poste mi renkontis la parlamentan deputiton de la agrarpartio, s-anon Csurgai, por priparoli kun li lian projektitan vojaĝon al Vieno.

Sekvonta mateno. En fervoja stacio el du vagonoj salutas E-flagoj. Salutas nin Esperantistaj tramistoj, kiuj poste kun ni en vagono laŭ nia AEF-kantaro kantis la himnon de la Aŭstria E-Federacio: „Antaŭen turnu la rigardon, ni ne forlasu la standardon, la estonteco estas ni!"

Konatiĝo kun la 70-jara s-ano d-ro Leo Lorand, iama prezidanto de la hungara E-movado kaj persona amiko de nia Majstro kaj ankoraŭ ĉiam aktiva Esperantisto. La horoj rapidegas, demandoj, respondoj pri la ekonomia, politika, kultura kaj Esperanta situacio en Aŭstrio. Mi al ĉiuj s-anoj donis informojn laŭpove.

Alvenis ges-anoj el Bulgarujo. Vigla intersalutado, fotografado, veturo al la kongresurbo en P e c s. De la urbdomo flirtas hungaraj

kaj E-flagoj. Akceptis nin la agema s-ano Beimel, kiu rakontis al ni, ke la LKK kalkulis je 140 kongresanoj, sed fakte anoncis sin 320 personoj.

La prezidanto de la E-grupo en Pecs, s-ano pastro Julio Lajos, elkore salutis nin kaj pli poste skribis en mian vojaĝlibron: „El la XVII-a kongreso de hungarlanda Esperantistaro, kiu okazis en la jaro 1947, la 60-a jubilea jaro depost la apero de la unua Esperantopresaĵo, kun koraj salutoj al miaj tre ŝatataj aŭstriaj ges-anoj."

Mi parolis kun profesoro Andreo Gauder el Györ, kiu intencas entrepreni vojaĝon tra Aŭstrio kaj fari kelkajn paroladojn en Esperanto pri diversaj temoj. En mian libron li enskribis jenon: „Mi tre deziras, ke Vieno fariĝu la centro de la eŭropa Esperantomovado, ĉar ĝi estas en la koro de nia kontinento. El eksterlando la aŭstriaj Esperantistoj sendis al mi la unuan fojon vivsignon de amikeco, kion mi ĝoje akceptis."

La 25. 5. 1947 matene ni vizitis Esperanto-meson. La predikon kaj preĝojn faris nia kara s-ano pastro L. Lajos en Esperanto. Poste ni iris en la kongresejon por partopreni la malfermon de la kongreso. Tie oni rezervis honor-sidlokojn por la aŭstriaj kaj bulgaraj gastdelegitoj. La kongreso malfermiĝis. Eksonis ĥore la hungara kaj Esperanta himnoj. Salutparolis la urbestro de Pecs kaj altranga oficiro de la hungara armeo. Alvenis saluttelegramoj de UEA-IEL, SAT, el Jugoslavujo, Anglujo, Aŭstrio kaj el aliaj landoj. Entuziasmiga parolado de socialista s-ano S. Tibor (E-Societo Laborista). Sekvis aliaj paroladoj. Raportis bulgara s-ano pri vigla E-movado en Bulgarujo, tre favorata de la registaro.

Poste mi transdonis al la kongreso nome de AEF kaj de la Societo de amikoj al Esperanto la salutojn de la aŭstria Esperantistaro kaj skizis en detala raporto la postmilitan evoluon de nia movado. Mi parolis pri niaj jam atingitaj gravaj sukcesoj malgraŭ ĉiuj egaj malhelpoj kaj eksterordinare malbonaj ekonomiaj cirkonstancoj kaj proponis al la ges-anoj fondi propagandcele laŭ la aŭstria modelo Hungaran Societon de Amikoj al Esperanto. Fine mi transdonis al ili la koran inviton al partopreno en nia Aŭstria E-Kongreso en Kufstein. La kongreso akceptis mian paroladon kun aplaŭdego kaj esprimis sian simpation por Aŭstrio kaj ĝia E-movado.

Dum la kongreso ankaŭ parolis s-ano nome de la komunista, s-ano Balkany nome de la socialista kaj s-ano Csurgaj por la agrara partioj. Ĉiuj parolantoj substrekis la nepran neceson de unueca E-movado kvankam la unuopaj fakaj aŭ partiaj sekcioj povas trakti siajn specialajn aferojn tute libere kaj sendepende en siaj rondoj. Estas ne eble citi ĉiujn detalojn, mi nur grandtrajte povis skizi la aferojn pritraktitajn en la ampleksa tagordo. La kongreso entute

faris bonajn laborojn kaj la sukceso certe montriĝos en prospera evoluo de la hungara E-movado.

Okazis en la kadro de la kongreso ankaŭ literatura vespero ĉe „Literatura Mondo", gvidata de s-ano Bleier. Ni partoprenis ankaŭ ekskursojn kaj tamen fine ni devis adiaŭi de la gastama Pecs. En la stacio lasta reciproka manpremado kaj „Ĝis revido!" ne nur vokas la buŝoj, sed sentas la koroj. Ni ankaŭ vizitis la konatan hungaran verkiston s-anon Koloman Kalocsay. Dum nia interparolado li skribis en mian vojaĝlibron jenajn liniojn: „Mi deziras sincere, ke tiu ĉi unua mia komunikado kun aŭstriaj s-anoj post la milito estu inaŭguro de sukcesa kunlaborado inter Budapeŝto kaj Vieno".

La 30. 5. 1947 ni definitive devis forlasi Budapeŝt-on. Estis vere belaj tagoj, kiujn ni povis travivi en la gastama Hungarujo. Mi ne povis raporti pri ĉiuj detaloj, mi ne povis citi la nomojn de ĉiuj ges-anoj, kiuj bonvole kaj vere amike gastigis kaj helpis nin ĉiumaniere. Mi nur povas ĉi-tie publike esprimi nian sinceran kaj elkoran dankon al la respektivaj ges-anoj pro ilia afableco kaj amikeco. Kaj ni estas certaj, ke la amikaj rilatoj, ligitaj en la hungara Esperantokongreso kaj okaze de la vizito de s-ano Csurgai en Vieno, ne nur limiĝas al la Esperantistaro de ambaŭ landoj, sed estas samtempe signo de vera amikeco inter la popoloj de Hungarujo kaj Aŭstrio.

# Hungara parlamentano Esperantista en Vieno

La 15. 6. 1947 antaŭtagmeze okazis en Vieno en la salonego de la nutraĵlaborista sindikato grava kunveno aranĝita de AEF, Societo de amikoj al Esperanto kaj fakgrupo de Esperantistaj poŝtistoj. La ĉeestantojn salutis nome de AEF sekcia konsilisto d-ro M. Führing, nome de la Societo de amikoj al Esperanto kalkulkonsilisto R. M. Frey kaj s-no R. Klausberger salutis por la poŝtista fakgrupo.

Partoprenis la kunvenon altrangaj gastoj:

Kiel reprezentanto de la hungarlanda Esperantistaro entuziasme estis salutata la hungara parlamentano s-ano Stephan Csurgai.

Gravaj aŭstriaj registaraj kaj aŭtoritataj instancoj estis reprezentataj per jenaj sinjoroj, kiujn la kunveno aplaŭdege salutis:

Sekcia ĉefo d-ro E. Chaloupka transdonis la salutojn de la federacia kanceliero d-ro L. Figl; sekcia konsilisto d-ro M. Führing salutis la ĉeestantojn nome de la instruministro d-ro F. Hurdes; landa lernejinspektoro kortega konsilisto d-ro A. Simonic esprimis sian simpation al Esperanto kaj salutis la kunvenon nome de la prezidanto de la Viena urba lernejkonsilantaro d-ro L. Zechner; ĝenerala sekretario

F. Dantine parolis afablajn vortojn nome de la ĝenerala direktoro de la ŝtatfervojoj d-ro E. Seidler; ĝenerala direktoro d-ro K. Dworschak ĉeestis kiel reprezentanto de la ŝtata aŭstria poŝtadministrado. Krome honoris la kunvenon per sia ĉeesto la prezidanto de la poŝtdirekcio de Wien-Niederösterreich-Burgenland d-ro J. Slezak, kortega konsilisto d-ro F. Wollmann, profesoro de la Teknika altlernejo en Wien kortega konsilisto d-ro Petritsch k. a.

Speciala aplaŭdo salutis s-ron ĝenerala direktoro d-ro K. Dworschak, kiam li ekparolis por koncize skizi la signifon de Esperanto por la tutmonda poŝtorganizo kaj mondtrafiko.

La hungara parlamentano s-ano Stephan Csurgai (Budapest) transdonis al la kunveno la salutojn de la hungara Esperantistaro kaj esprimis la deziron, ke ekde nun la aŭstria kaj hungara Esperantomovadoj intime kunlaboru por la bono de Esperanto en ambaŭ landoj. Plue li parolis pri siaj klopodoj en la hungara parlamento kaj ĉe la kompetenta ministro, por ke Esperanto estu oficiale enkondukata en la lernejojn. Se la Esperantomovadoj en kelkaj najbaraj landoj samcele kunlaborus kaj samtempe instigus siajn registarojn agnoski Esperanton kiel oficialan instrufakon en la lernejoj, tiam sukceso tiurilate certe devus rezulti (entuziasma aplaŭdo). La muzikorkestro de la poŝtistoj nun ekludis honore al la deputito Csurgai la Rakocsimarŝon.

Pri la aferoj de la poŝtista fakgrupo Esperantista detale parolis ges-anoj R. Klausberger kaj Schuh. Ili substrekis la gravan helpon flanke de la poŝta direkcio kaj speciale dankis pro tio al s-ro ĝen. direktoro K. Dworschak.

Ĉi tiu kunveno estis unu el la plej gravaj en la Esperantomovado aŭstria kaj la ĉeesto de tiom da reprezentantoj de gravaj ŝtataj instancoj estas multpromesa por la estonto. Ni ŝuldas dankon al la hungaraj ges-anoj, kiu per sendo de la deputito s-ano Csurgai morale apogis nian movadon kaj ni ĝojas pri la estonta kunlaboro inter Hungarujo kaj Aŭstrio.

## Esperanto-filmo „Budapest, la regino de la Danubo“

S-ano Vokal faris la 3. 7. 1947 en la kutima esperantlingva sendtempo de Radio Wien (ĉiuĵaŭde 17.50 h., Wien II, ondolongo 228,6 m) jenan paroladon:

Depost unu semajno la Vienaj popolklerigaj institutoj Urania kaj Volksbildungshaus Margareten prezentas la Esperanto-filmon: „Budapest, la reĝino de la Danubo“ farita de la hungara parlamentano Istvan

Csurgai. Parolanto estas la famkonata hungara Esperantoverkisto Julio Baghy, kiu bonege rakontas en tiu filmo pri la sorto de la urbo Budapest antaŭ, dum kaj post la milito. Ni admiras la iaman ĉarmon kaj belecon de la mondfama urbo, la belajn pontojn, la kastelon, multajn unikajn konstruaĵojn kaj la Margaret-insulon kun la mirindaj banejoj.

Mi mem vidis en 1939 okaze de la festo de Sankta Stefano la fabele iluminitan urbon.

Sed al tiu feliĉa urbo kun ĝiaj bonkoraj, gastamaj homoj venis la milito. Bomboj, kanonoj, furioza batalo ruinigis la urbon. Kiam Julio Baghy en la filmo diras la vortojn: „Falis en la akvon la pontoj", ni kunsentas la doloron pri tiu perdo kun la Budapest-anoj.

Iun tagon la kanonoj silentis, sed kiel aspektis „la reĝino de la Danubo?" La urboparto Buda estas tute elbrulinta, ĉie ruinaĵoj, rubo, nur rubo! Nek lumo, nek akvo! Preskaŭ oni perdis la esperon.

Sed la hungara popolo per optimismo laboregis tage kaj nokte. De la simpla laboristo ĝis la ministro-prezidanto, de la infano ĝis la maljunulo ĉiu kunhelpis libervole sen rekompenco por konstrui novan ponton. Tre baldaŭ la unua tramo veturis trans la novan ponton de Buda al Pest. Kiel delegito de la Aŭstria E-Federacio ĉe la Hungara Esperanto-Kongreso en Pecs mi kaj mia edzino vidis antaŭ tri semajnoj la grandan progreson en la rekonstrua laborado.

Nia adiaŭo de Budapest estis filmata. Tiuokaze parolis s-ano Kökeny salutvortojn nome de la hungaraj Esperantistoj kaj de „Literatura Mondo", s-ano Bleier adiaŭis nome de la Laboristaj Esperantistoj, deputito s-ano Csurgai (agrarpartio) kaj s-ano Halka parolis en la nomo de la hungaraj fervojistoj. Ili ĉiuj raportis pri la novaj kulturaj, sociaj kaj trafikaj progresoj en Hungarujo.

Vere do pravas la titolo de la nova hungara varbbroŝuro Esperantlingva kaj ankaŭ la Esperanto-sonfilmo montras: „B u d a p e s t v i v a s d e n o v e !"

# LITERATURO

## Al memoro de Gustav Weber

Ho amika amiko!
Volonte ni kredas
al tempo pli bona.
Ĝin esperegas ni.
Atendado ĉiam ekstaze
fortigas nin,
Ni kredas
al tempo pli bona,
ĝin ni atendas.
Ni certe,
certe
ĝin ĝisvivos,
ĉar:
Vi ja suferis
por ĝi,
kiun Vi jam ne
igas nin fervoraj.
travivas,
Vi martiro,
Vi la vivon fordonis
pro ĝi.
Ridegon el Via buŝo,
ĉiaman ridon
(Vian lastan sonon)
ili turmentis,
la brutaj gardistoj
en la malliberejo,
je kies pordego
la humaneco
ŝtoniĝis.
Kaj tiu ĉi ridego Via —
malgaja feliĉo
en mortiga malfeliĉo —
eĉ ne forlasis
Vian detruitan buŝon.
Ni propriigas ĝin al ni,
Vian ridegon,
amika amiko,
gardas ĝin
kiel tabuan trezoron,
al ni heredigitan,
heredigotan al tempo pli bona,
al kiu ni kredas,
kiun ni atendegas.
Via muta ridego,
amiko,
martiro,
nian kredon
instigas,
pravigas.
Ne eblas,
ke Via martira morto
okazis
sensenca,
vana.
Ne eblas.

Alfred Schauhuber.

# Ciu por paco — paco por ciuj

Ni ja ne volas murdi jam,
Nek esti murdataj tolere.
Ni, la frontanoj de l'humanec',
Ni volas la pacon surtere!

Ni ĉiuj batalis por rajt' kaj honor'
Laŭ propra kredo-sistemo.
Pri la liber' ne rezignas ni
Pro ies freneza rabemo.

Ni ne adoras la idolojn plu
Por nia Dio profane,
Rifutas ni do „la amon" al mond',
Oferas kaj preĝas purmane.

Spirito kaj koro eliĝu el ĉen'
De la frenez' kaj de l'mensogo.
Savu la dignon kaj veron de l' hom',
Ĝi estas por venko apogo.

Infano estu denove infan':
Plej bela estas ĝi avantaĝo —
Ekregu la mondon la intelekt',
Por junaj validu junaĝo!

Eterne eksonu la sava vort':
Reiĝu homoj ni vere!
Ni ĉiuj sufiĉe suferis jam,
Ni volas la pacon surtere!

Dro. Emmerich Pabisch, Graz.

*cand. phil. ROBERT KARL FRÜHMANN:*

# Kio estas Basic English? — Kio estas Occidental?

Certe ekzistas multaj Esperantistoj, kiuj opiniis, ke krom nia Esperanto ne plu ekzistas alia mondhelplingvo, kiu ankoraŭ en la nuna epoko estas propagandata. Tiaj samideanoj nun tre miris, kiam ili legis en diversaj gazetoj, ke ne nur ekzistas asocio, nomita IALA *), kiu serĉas ellabori novan internacian lingvon, sed ankaŭ samtempe en diversaj gazetoj kaj ĵurnaloj estas propagandataj du helplingvoj, nome „Basic English" **) kaj „Occidental ***). Kompreneble por Esperantisto ne povas ekzisti dubo, ĉu Esperanto estas taŭga, ĉu ne. Ĉiu, kiu scipovas nian karan lingvon, ankaŭ scias la avantaĝojn de ĝi. Sed oftege neesperantistoj, kiuj legis la diversajn fanfaronajn publikigaĵojn pri Basic English aŭ Occidental, demandos la Esperantistojn, kial ili plu praktikas Esperanton, kaj kiaj estas la diferencoj inter ĝi kaj la aliaj helplingvoj. Por ke tiaj demandoj povu esti ĝuste respondataj, ni volas pritrakti tiujn ambaŭ lingvojn kaj kompari ilin al Esperanto.

*) Mallongigo por „International Auxiliary Language Association (internacia helplingva asocio).
**) Prononcu: bezik ingliŝ.
***) Prononcu: okcidental'.

Kio estas Basic English? — Ĝi ne estas artifika lingvo, ĉar ĝi konsistas el 850(!) vortoj prenitaj el la normala angla lingvo per kiuj oni povas esprimi ĉion. La avantaĝo de tiu-ĉi lingvo estas, ke la lernanto devas lerni nur tiel malmultajn vortojn. Tio estas fakto, kiu certe ŝajnas unuavide tre alloganta, sed baldaŭ oni rimarkas, ke precipe tiu fakto tre komplikas la uzon de Basic English, ĉar oni ja devas ofte difini la mankantajn esprimojn per ampleksa vortaro, kiu tamen ne povas esti ĉiam sufiĉe klara. Ekzemploj: Basic English ne havas vorton por restoracio; oni devas traduki tiun vorton per „place to get cooked food" (loko por ricevi kuiritan manĝaĵon). La vorton melono oni devas traduki per „large green fruit with a sweet red inside and the form of an egg" (dika verda frukto kun dolĉa ruĝa enhavo kaj la forma de ovo). Kompreneble tia difino plej ofte ne estas simpla afero kaj postulas grandan intelekton. Sed ekzistas pli grava malavantaĝo: La prononco kaj la ortografio estas la samaj kiel en la angla lingvo mem, kiu estas por alilandanoj treege komplika (ekzemple oni skribas „nation", sed prononcas „nejŝn"). Finfine oni devas pripensi, ke ĉiu homo de la mondo povus lerni tiun lingvon escepte la angloj mem, ĉar ili apenaŭ povos memori, kiujn vortojn de sia lingvo gepatra ili povas uzi kaj kiujn ne. Tiamaniere anglo povus kompreni parolanton de Basic English, sed tiu ne povus kompreni anglon.

Kaj nun Occidental. — La vortoj de tiu-ĉi lingvo estas prenitaj el la romanaj (okcidentaj) lingvoj. La ortografio estas iomete plisimpligita, sed ekzistas ankoraŭ duoblaj literoj, kaj la prononco de la literoj estas ofte diferenca. Ekzemple en la vorto Occidental la unua „c" estas prononcata kiel „k" kaj la dua „c" kiel „c". Ankaŭ la akcento ŝanĝiĝas. La gramatiko de Okcidental instruas: „Akcentata estas p l e j  o f t e la vokalo antaŭ la lasta konsonanto." Por karakterizi alian akcenton estas uzataj diversaj supersignoj aŭ ekzistas propraj reguloj. Oni do akcentas ekzemple: familie, idé, ultim, statues, qualitá k. t. p. La finsilabojn -tia, -tie, -tion, oni p o v a s prononci -cia, -cie, -cion, sed oni ne devas! Oni plue devas scii, ke vortoj, devenantaj de la greka lingvo (kiu scias tion!) kaj havantaj la finvokalon -a, antaŭ alvenanta finsilabo enŝovas la literon t.

Kompreneble tiuj malmultaj linioj ne povas esti tuta kurso por Basic English aŭ Occidental kaj ankaŭ ne povas pritrakti ĉiujn ecojn de tiuj helplingvoj, sed certe ankaŭ la montritaj ekzemploj povas montri, ke ambaŭ lingvoj tute ne estas pli taŭgaj ol Esperanto.

*STEPHAN ZODEL:*

# Kiam ni fariĝis teranoj

Oni povas diri: Bone, ke neniu vidis nin, kiam ni en kaŭranta pozicio atendis en la patrina ventro nian naskiĝhoron. En tiu ĉi kompatinda stato tolereme ĉirkaŭis nin netrapenetrebla malhelo, ĉar bele ni certe tiam ne aspektis.

Kiam ni ekrigardis la mondan lumon (kiu cetere povas diri, ĉu li fakte ĝin tuj ekrigardis?) oni singardeme kuŝigis nin dorsen, ni baraktis per la kruroj kaj — kriis.

Jen nia unua ago, per kiu estonta geniulo ne diferencas de estonta stultulo.

La surdorsa kuŝado supozeble plaĉis al ni. Kiam komence la akuŝistino, pli poste panjo dum la banado aŭ kiam ŝi sekigis nin, singarde turnis nin al la ventra flanko, ni sentis verŝajne ankaŭ tion ne malagrabla. Sed dorsflanke, la okulan paron apatie direktante plafonen aŭ ĉielen, per la manetoj lude gestante, ni verŝajne kuŝis plej volonte.

Kiu, krom panjo, emis, ŝercmaniere preni nin en la manojn, kvazaŭ ni estus vitra ludilo, tiu devis esti admonata, se li ne sufiĉe sciis manipuli infanan korpon, firmteni nian balanciĝantan kapeton, ĉar ĝi prefere flankenkliniĝis — sed absolute ne pro pensa pezo, vere ne. En la unua suĉinfana stadio balanciĝis la kapo de poste saĝaj homoj same tiel, kiel ĉe homoj, kiuj neniam prudentiĝas.

Sendube plaĉis al ni ankaŭ la sidpozicio, ĉar ni post iom da tempo provis, sidigi nin, kaj la kapeto, intertempe fariĝinta pli fiksa, ne plu senvole balanciĝis. Kaj ni trovis la mondon pli interesa, kiam ni rekte sidiĝis kaj ĉirkaŭrigardis. Ho, kiel multkolora prezentiĝis al ni la mondo! Kaj ĉio estis tiom granda!

Daŭre, tio estas certa, ne povis sufiĉi al ni, ĉiam persisti sur sama loko, ĉar ni spertis, ke en nia rondo troviĝis tiom da aĵoj variaj, el kiuj kelkaj eĉ moviĝis.

Eksciiĝinte diversamaniere, por kio taŭgas niaj manoj, ne estas mirinde, ke ni iutage spertis: jen oni povas uzi ilin ankaŭ por surapogo. Tio estis bonega eltrovo, ĉar ni nun havis okazon, rampmovi nin. Tiel ni do povis ŝanĝi nian restadlokon diversdirekten, kaj ĉie ni konatiĝis kun objektoj kaj aĵoj, kiujn ni scivole tuŝis kaj surpalpis.

Panjo poste kuŝigis nin en la liteton, kaj ĉar ni streĉegis niajn fortojn, ni longe kaj firme dormis. Sed nian novan eltrovon ni ne forgesis. La rampadon ni ripetis kaj ĝi fariĝis por ni kvazaŭ pasio preferata. Kiu dubas, ke ĝi ankaŭ korpe kontentigis nin? Ĉu ni alie estus praktikintaj ĝin tiel fervore kaj persiste?

Kiam io ege ravis nin, ni laŭtigis akran „A“! aŭ ni amuze grumblis. Kaj panjo estis tiu, kiun ni — kiel unuan homon en la mondo — alridetis. La buŝeto duone malfermite, la langopinto iom eligite, nia vizaĝeto subite larĝiĝis, niaj okuloj briladis kaj rigardis en ĝojoravitan vizaĝon, kiel ĝin tiel ammiene povas havi nur patrino.

Nia delikata voĉo intertempe fariĝis pli forta, pli energia, kaj nia eksteraĵo aspektis jam pli simpatia. La komence iomete deformita kapeto aliiĝis kaj ekprenis ĝustan formon, kvazaŭ ĝi estus martelita. La silka lanugo sur la kapo ŝanĝis sian koloron; ĝi jam pli similis harojn. La okuloj kutime iomete heliĝis. Ĉirkaŭ la manoj formiĝis ŝvelaĵoj, kaj kiam ni dormis — neniaj sonĝoj ankoraŭ igis nin laŭtigi kriojn — ni pugnis niajn gracilajn manojn kaj suprentenis ilin, kvazaŭ ili estus kandelabroj.

Estis trovanta nia buŝeto komence nur la patrinajn mamojn, el kiuj ni avide suĉis, ni pli poste emis, ĉion enigi en la buŝon, kio venis en niajn manojn. La makzelo jukis kaj doloris iom da tempo, kaj la unuaj dentoj ekestiĝis. Panjo al ĉiu indulge senkulpigis nian obstinan sintenon, nian senĉesan ploradon pro dentestiĝo.

Fariĝis ni ekde nia naskiĝo la ĉefa persono en la familio, ludanta la plej gravan rolon, verdire la plej eminenta persono por ni estis panjo. Ŝi dumtage kaj dumnokte amplene ĉirkaŭis nin; ŝi senlace zorgis por nia korpa bonfarto, kaj ĉar ni estis tiom ege helpobezona kiel nenia ido en la tuta bestaro, ni postulis ŝian ĉiaman atenton kaj kaŭzis al ŝi multege da laboro.

Sed la patrino, tiu kara bonulino, havis ankaŭ tempon, karesi, distri kaj amuzi nin, ŝi havis tempon, lerte kaj saĝe veki niajn kapablojn kaj talentojn. Tiel el la balbutado ekestiĝis la unuaj vortoj, tiel la unuajn iradprovojn sekvis la unuaj paŝoj, kaj ni lernis diferencigi objektojn kaj aŭdi laŭ vortoj.

Kiam ni solaj povis stari sur niaj piedoj kaj senhelpe iri, ni fariĝis ĝustaj homoj, ĉar nia dupieda irado jen estas tio, kio imponas eĉ leonon, la reĝon inter la bestaro.

Komencinte do nian vivon per la surdorsa kuŝado sur la littuko, ni finos ĝin sur la littuko en la sama situo, kiam ni fermos por ĉiam la okulojn. La intertempo estas nia vivo.

*M. Cisek:*

# Amkriegado de la cervoj en la Viena Arbaro

En Septembro komenciĝas unu el la plej belaj naturfenomenoj en nia bela Viena Arbaro, en ĝiaj vastaj forstoj kaj trankvilaj valoj. Estas la seksarda tempo, la tempo de la seksa kuniĝo de la altĉasbestaro, de tiuj timemaj, kelkloke jam tiel maloftaj, majestaj bestoj kun la belega kapornamaĵo. Kiu unufoje ĝisvivis la seksardan tempon en ĝia plena beleco, neniam plu povas forgesi tiun okazintaĵon.

„Post Sankta Aegidtago la kornarulo havas sian seksardan tempon", diras la ĉasistoj, kaj ili kun febra sopiro atendas tiun okazaĵon, kun frapanta koro, ĉar ili estas travivontaj unu el la plej belaj tempoj de la ĉasista jaro.

Sankta Aegido estas la unua tago en Septembro kaj depost ĉi tiu la ĉasisto povas atendi, ke la seksarda tempo baldaŭ komenciĝas, kiu okazas en la diversaj regionoj laŭ la situo kaj klimato dum diversaj tagoj, sed ĉiam en Septembro. Ĉiutage la ĉasisto nun matene kaj vespere estas ekster la domo por aŭskulti, ĉu jam la cervoj „anoncas". Kiam tio okazas, tiam tuj la raportoj estas senditaj al la posedanto de la ĉasregiono, al la ĉasformanto kaj al la pasiaj ĉasistoj, kiuj ne jam estas sur la loko por mem povi aŭskulti la unuan esperigan „anoncadon" de la cervoj.

La cervo, la „Altkornarulo", kiu dum la somero en la tielnomata „fortiga tempo" — kiu abunde donis nutraĵon — tute sola vivis, kaŝite, timeme kaj preskaŭ nevideble, nun aliĝas al sia aro — al la cervinoj kaj cervidoj — kaj iras kun ĝi, en la mezo de la aro, gardata kaj ĉirkaŭata, kondukata de maljuna „kondukbesto". Tiu ĉi estas plej gardema, kvazaŭ ĝi scius, ke nun la altkornarulo, la cervo kun la multpinta kornaro, estas en danĝero.

La fiera cervo, la „lokcervo" ĵaluze gardas kaj defendas sian aron, kaj ve' al la juna cervo aŭ unujarulo, kiu prosimiĝas al la aro! Li devas batali pasian, ardegan bataladon, dum kiu ĝi eĉ devas defendi sian vivon . . .

La orkoloraj folioj defalas en la sunbrilanta milda aŭtunaero, la kantbirdoj jam formigris en la sudajn landojn. Trankvilo regas en la senhoma valo. Nur la rivereto, kiu valenportas la orajn foliojn kaj malsekigas la bluruĝajn kandelsimilajn kolĉikojn, kantas la eternan ondeto-kanton. La ĉasistoj en la krepusko sopiratendas, la suno malleviĝas kaj pentras malantaŭ la piceaj trunkoj sangoruĝan pejzaĝon. Blankaj nebulstrioj supreniĝas el la rivereto kaj arĝenta roso malleviĝas sur la herbaĵojn kaj la lastajn aŭtunflorojn de la herbejo. Malheliĝas iom post iom. Kun febra streĉo la ĉasistoj aŭskultadas

